# POLA ESPERANTISTO

(Esperantysta Polski)

MONATA GAZETO DE POLAJ ESPERANTISTOJ

JARO XX. Warszawa, Septemb.–Oktob. 1926, Nr. 9–10 (127–128

# Alvoko al la tutmonda esperantistaro.

al ĉiuj asocioj, grupoj, izolaj esperantistoj, havigi al nia movado por la „jubilea jaro 1927“ nombradon de nia popolo en kompleta statistiko.

*

Samlingvanoj, bonvolu *legi* mian artikolon *ne nur unufoje, sed kelkfoje* atente kaj *kun la nepra volo helpi* laboron, kiu kontentige povas esti efektivigata nur, se ĉiuj helpos, se neniu forgesos sian devon.

Ankoraŭ hodiaŭ post 4 jardekoj de nia movado neniu povas diri, kiom da esperantistoj ekzistas en la mondo. Nombrante nian popolon oni ĝis nun kutime nur „*taksis*“, oni *ne fiksis* la nombron de niaj popolanoj esperantistaj sur la bazo de fidinda statistiko. Sed nur faktoj pruvas, konvinkas—ne vortoj aŭ nura takso. Pro tio fidinda statistiko estas nepre necesa por ĉiuj, tute egale, kion ili speciale celas per Esperanto. Ni ja ĉiuj senescepte celas la propagandon de la mondlingva ideo. *Ni lasu principe al ĉiuj asocioj kaj organizaĵoj plenan liberecon. Ni marŝu disigite, tamen ni batalu kunigite dum la taŭga momento.* Nun estas tia momento. La jaro 1927 estos jubilea jaro, ĉar en 1887 aperis la unua broŝuro de „D-ro Esperanto“. Montru, por festi la jubilean jaron antaŭ la tutmonda publiko kaj por honori la memoron de nia majstro, ke ĉi tiu malgranda broŝuro de 1887 estigis grandan, respektindan movadon.

Post kiam mi ofte estas parolinta pri la graveco kaj urĝeco de tutmonda statistiko, nun, per interkonsento de la plej gravaj Esperanto-institucioj mi estas komisiita, preni sur min la taskon, liveri ĝin. Mi estas certa, ke, se la nuna

eksperimento sukcesos, nia propagando estos treege plifaciligata kaj efika, kaj ke ni poste regule povos labori sur la statistika kampo kun unuigitaj fortoj, tiamaniere havigante al ni la intereson de l'registaroj kaj seriozaj institucioj, kiuj ĉiam unue postulas fidindajn „*nombrojn*" pri la koncerna enlanda aŭ la internacia movado.

Ni iru la plej simplan kaj plej malmultekostan vojon! *Estos nur necese, ke ĉiuj Esperanto-grupoj kaj rondoj* (tute egale, ĉu ili estas organizitaj en iu ajn asocio aŭ ne!) *oferu kelkajn minutojn da laboro, krom tio du paperfoliojn kaj unu poŝtmarkon;* la samon faru la diversspecaj asocioj kaj ankaŭ la esperantistoj vivantaj izole. Pripensu mian planon kaj, konsentante ĝin, agu *tuj* laŭ la plano proponita. Ĝi baziĝas sur la konvinko, ke nia Esperanto-gazetaro, kiu ĉiam estis oferema kaj helpema, helpos la efektivigon de la plano, represigante ĉi tiun mian alvokon. Ni ne bezonos la multekostan forsendon de presitaj demandaroj el iu ajn centro, ni ne bezonos financan subtenon.

Mi proponas al vi, respondi al tri demandaroj, unu por la ĉiuspecaj grupoj, unu por la asocioj inter kaj sennaciaj naciaj, fakaj, unu por la izole vivantaj esperantistoj:

## I.

## DEMANDARO POR GRUPOJ

## (SOCIETOJ, KLUBOJ, RONDOJ K. S.)

1. *lando kaj landparto?*
2. *loko? (urbo aŭ vilaĝo?)*
3. *nomo de la grupo aŭ rondo?*
4. *al kiu organizaĵo la grupo apartenas? (nomu la organizaĵon!)*
5. *kiom da membroj via grupo havas je la fino de l'jaro 1926?*
6. *kiom da kursoj la grupo organizis*
   *a) dum la jaro 1926 (enkalkulite la ĝis nun nefinitajn)*
   *b) depost la starigo de la grupo entute?*
7. *ĉu en via loko ekzistas aliaj Esperanto - grupoj? kaj kiuj? (demando nepre respondota pro la kontrolo, ĉu la statistikestro ricevis ĉiujn sciigojn el via loko)*
8. *kiom da esperantistoj en via loko ekzistas ekstergrupaj entute! (kalkulu singardeme! nepre ne taksu tro alte! Preferu noti ciferon pli malaltan, sed tute fidindan!)*
9. *ĉu via grupo.*
   *a) havas bibliotekon?*
   *b) kun kiom da libroj?*
10. *tre preciza adreso de via grupo?*

*Subskribo de l' raportinto.*

Raportante atentu jenajn punktojn:

a) Skribu tre legeble (ankaŭ la nomon de l'raportinto) se eble skribmaŝine. Skribu la nomojn de via urbo ktp. per latinaj literoj en via nacia lingvo (ne esperantigu la nomojn!).

b) Ne ripetu la demandojn, sed nur notu la ciferojn 1—10 kaj simple donu laŭ tiuj ciferoj la koncernajn respondojn aŭ sub 5, 6, 8, 9b nur ciferojn. Rezignu al ĉiuj aliaj notoj kaj specialaj komunikaĵoj.

c) Uzu ĉiuj—por ke la materialo povu esti bone ordigata —la saman formaton de l'papero (la kutiman formaton de negocaj leteroj:) laŭlonge 28,5 cm (aŭ 11 in.), laŭlarĝe 22,5 cm (aŭ 9 in.).

d) Donu la respondojn en du ekzempleroj sur du paperoj. por ke la koncerna materialo post la fino de l'statistika laboro povu esti sendata al la koncerna asocio, al kiu apartenas la grupo.

e) Sendu vian raporton en fermita letero, sufiĉe afrankite, al la adreso:

D-ro Dietterle
Fakestro por Statistiko de I. C. K.

Leipzig W 31
Seumestrasse 10

Do, taŭge kaj ĝuste farita raporto aspektos jenmaniere:

1. Deutschland (Germanujo) — Sachsen (Saksujo)
2. Neustadt (urbo)
3. Verda Stelo
4. Germana Esperanto-Asocio
5. 54
6. a) 3
   b) 27
7. jes: Laborista Grupo kaj grupo de Esperantistaj Instruistoj
8. 48
9. a) jes
   b) 118
10. Esperanto - Grupo „Verda Stelo" en Neustadt, p. a Prez. S-ro A. Miller, Langestrasse 17. III.

Kiel sekretario de la grupo:
H. Schulze, Arnsdorf apud Neustadt
Hauptstrasse 9.

Oni ja povus proponi, ke la diversaj asocioj kolektu la respondojn de siaj grupoj kaj sendu ilin samtempe. Sed tiam ne estus eble por mi, prilabori la materialon, ĉar mi ricevus tro multajn raportojn dum unu tago kaj verŝajne nur en la lasta minuto. Mi ne havas helpantojn ekster la Institutoj cetere mi havas mian regulan ĉiutagan laboron, neprokrasteblan. Se mi ricevos ĉiutage kelkajn respondojn de unuopaj grupoj kaj se mi ricevos la materialon baldaŭ, tiam mi havos la okazon, tute trankvile laŭ bona plano ordigi ĉion helpe de listoj kaj kartotekoj.

*

## II.

Krom la raportoj de la unuopaj grupoj ni bezonas specialajn respondojn de la diversaj asocioj inter kaj sennacia naciaj, fakaj laŭ jena skemo:

### DEMANDARO POR ASOCIOJ (FEDERACIOJ K. S.)

1. nomo de la asocio?
2. celo de la asocio?
3. nombro de la grupoj, kiuj apartenas al la asocio?
4. Kiom da personoj ampleksas ĉiuj asociaj grupoj entute? (inkluzive la izole aliĝintaj)
5. ĉu via asocio eldonas oficialan gazeton? kiun?
6. ĉu via asocio eldonas oficialan lernolibron? kiun?
7. preciza adreso de via asocio?

Nur por naciaj asocioj:

8. kiom da lernolibroj aperis en via nacia lingvo?
9. kiom da lernolibroj (laŭ kalkulo de l' eldonistoj) estas venditaj ĝis hodiaŭ?
10. kiuj Esperanto-gazetoj aperas en via lando?

La ciferoj de la asocioj estos aliaj ol la sumigitaj cifero de la asociaj grupoj, ĉar la asocio nur povas respondi laŭ la stato de 1925; la grupoj raportos laŭ la stato de 1926. Tamen tiu vojo estas rekomendinda, ĉar oni povas kontroli la kreskon aŭ malkreskon de la asocio. Cetere la respondojn pri 4, 5, 6, 8, 9, 10 plej bone donos la asocioj.

*

## III.

### DEMANDARO POR IZOLE VIVANTAJ ESPERANTISTOJ KAJ LOKOJ, EN KIUJ NE EKZISTAS GRUPOJ:

1. lando?
2. loko?

3. nombro de la esperantistoj? (ankaŭ se ekzistas nur unu li nepre respondu!)
4. Ĉu en via lando en aliaj lokoj ekzistas esperantistoj? kaj kie?

Subskribo kun adreso.

Kial ni kalkulu la izole vivantajn esperantistojn? Ne nur, ĉar ili estas tre gravaj personoj por la disvastigo de nia movado, sed ankaŭ ĉar estas tre grava afero, konstati, en kiom da lokoj en la mondo ekzistas anoj de nia movado.

* *
*

Samlingvanoj! Bonvolu ne kritiki la proponitajn demandojn. Oni povas proponi demandojn laŭ cent diversaj aliaj manieroj. Mi longtempe pripensis la aferon kaj serĉis la plej simplan vojon. Poste, se ni estos sukcesintaj per la „unua eksperimento", ni espereble povos daŭrigi niajn enketojn, ankaŭ por specialaj aferoj (lernejoj, komerco, scienco, ktp.). Sed unue ni faru la unuan paŝon.

La demandoj de la proponitaj demandaroj estas malmultaj, sed laŭ mia sperto nur ili estas iomete fidinde respondeblaj de ĉiuj. Per la unua eksperimento mi celas: simpligi la tutan aferon, por atingi minimume ion; pro la simpleco de la laboro allogi al respondo kiel eble plej multajn — aŭ pli bone ĉiujn; malmultekostigi la tutan entreprenon, ĉar elspezoj por niaj gazetoj ne estos. Cetere— mi ripetu tion!—ĉiu respondanto devos elspezi nur la kostojn por du paperfolioj kaj unu poŝtmarko.

Malgraŭ tio ni atingos iomete kontentigan rezultaton; ĉar laŭ la materialo — espereble! — ricevota oni povas konstati:
en kiom da landoj ekzistas esperantistoj kaj en kiuj?
en kiom da lokoj ekzistas esperantistoj kaj en kiuj?
kiom da grupoj ekzistas entute? kaj kie en la mondo?
kiom da grupoj ekzistas en la diversaj landoj?
kiom da esperantistoj ekzistas entute?
kiom en la diversaj landoj?
kiom da esperantistaj organizaĵoj ekzistas?
kiom da esperantistoj apartenas al organizaĵoj?
kiom da Esperanto-kursoj okazis dum la jaro 1926? kaj kiom dum la pasinta tempo entute?
kiom da grupoj havas bibliotekojn?
kiom da libroj estas en tiuj bibliotekoj?
kiom da gazetoj ekzistas? kaj kiuj?
kiom da diversnaciaj lernolibroj ekzistas?
kiom estas venditaj? k. a. k. a.

Ĉiuj grupoj, asocioj, izolaj esperantistoj *tuj*, post kiam ili sciiĝis de ĉi tiu artikolo pri la tutmonda statistiko, klopodu forsendi la respondojn kiel eble plej baldaŭ. Ju pli baldaŭ la ordiga laboro povas esti komencata, des pli granda estas la garantio, ke la resuma statistika raporto povas aperi ĝustatempe. El malproksimaj, transoceanaj landoj la respondoj ja venos nur post kelkaj monatoj. La esperantistoj en Eŭropo ne rigardu tiun fakton kiel pretekston por prokrasti sian respondon. Alie ni ne atingos nian celon por 1927.

Rememoru ankaŭ tion, ke ekzistas samlingvanoj kaj tutaj grupoj, kiuj bedaŭrinde ne legas Esperanto-gazetojn. Konante tiajn, atentigu ilin pri la statistiko kaj ilia devo. Kie grupestro ne estas sufiĉe laborema, la grupanoj mem kontrolu, ĉu li forsendis sian raporton kaj insiste postulu tion.

*.

**Ĉi tiun mian artikolon ne sekvos aliaj; ĝi estas la unua kaj lasta alvoko.** Mi persone ne povas garantii kontentigan rezultaton, tion povas fari nur vi ĉiuj, helpante senescepte. Mi promesas al la esperantistaro precizan kaj akuratan laboron, sed promesante tion, mi samtempe rezervas al mi la rajton, rezigni al la statistika laboro, se le esperantistaro ne sufiĉe subtenos la laboron. Do, subtenu ĝin! Malpravigu la „pesimistojn“, kiuj asertas, ke la tutmonda esperantistaro ne kapablos doni kompletan statistikon! Helpu tuj, senprokraste! Helpu laŭ preciza maniero, fidinde! Helpu por doni al nia movado impresigan propagandilon, kaj por honori la memoron de D-ro Zamenhof! Per nenio alia li estos honorata tiel, kiel per la pruvo antaŭ la mondo, ke lia afero dum kvardek jaroj marŝis senhalte.

Prof. D-ro Dietterle
Fakestro por statistiko
de Internacia Centra Komitato
Direktoro de la Esperanto-Instituto
por la Germana Respubliko

ADAM MICKIEWICZ.

# ODO AL JUNECO.

Al Pola Studenta Esperantista Societo — Warszawa dedicas
La tradukinto!

Sen kor! sen spirito, kadavroj-nacioj,
Juneco, donu flugilojn!
Super morta mond' mi flugu
Al revlando-iluzio,
Kie krea fantazio
La novajn vekante sentojn,
Kolorigas esperon per oraj pentriloj.

Vidu, nur la maljunulo
Kun frunto malgaje al tero klinita
La rondon de l' mond', respegulita
En la malforta okulo!

Juneco! al celo supera
Atingu! El alta sfero
Traigu ĝis fundo mistera
De la homara sufero!

Rigardu! malsunre spaco de mizero
Kaj apatio per haos' kovrita;
Jen tero!
Jen, super la akvo putranta
Leviĝis la best' rampanta;
Li sola naĝas, por si mem kreita;
Persekutante malpli fortajn ekzistaĵojn,
Jen elnaĝas, jen ŝteliras;
Kortuŝas lin nenio, nenio lin altiras
Kaj jen krevigis, kiel vezikaperaĵo!
Dum vivo ĝis pereo solaj, sen kunuloj:
Jen, memamuloj!

Juneco! por vi la vivnektaro
Plej dolĉa estas en kunec' ĝuita;
Koroj, per ora faden' kunligitaj,
Ĉielan ĝojon sentas en la aro.

Kune, juna amikaro!
Ĉies feliĉo — en ĉies faro!
Fervore saĝaj, en kuneco fortaj,

Kune, juna amikaro!...
Feliĉa, kiu per la korpo sia,
Falita sub batoj sortaj,
Helpis atingi gloron por aliaj.
Kune, juna amikaro!
Kvankam la volo kruta kusiĝas,
Kontraŭstaras fort' pasia;
Forto per forto venkiĝas,
Ni venku nian malforton dum juneco nia.

En lulil', kiu kap' deŝiris hidran,
Li, juna, venkos centaŭrojn,
Subigos inferon nigran,
Ĉielajn atingos laŭrojn!...
Atingu ĝis celo senfina!
Venku, dum saĝo ne venkas!
Juneco! flug' via agla, senlima,
Tondran forton brako sentas!

Hej! kune brak al brako! Per ĉeno komuna
Ni globon ĉirkaŭu teran!
Spiritojn, pensojn en rondon misteran
Kunmetu por celo kuna!...
Ni el bazoj for, globtero,
Puŝos cin al novaj limoj,
Ĝis, seniĝinte tute de ŝimoj,
Ci revivos per espero.

Kiel en spaco de l' nokto, senordo
Kaj elementoj malpacaj
Ekmoviĝis per agordo
Mondoj per unu vort' Dia;
Ekbrilos steloj sur ĉiel' radia,
Pereos ventoj minacaj.
Inter homaro surda nokt' estas...
Ankoraŭ regas perfort' pasia...
Sed jam ardas fajro-amo,
Mond' de l' spirito elkreskas!
Kreos ĝin varma, juneca flamo,
Kunligos sento amika nia.

Rompiĝas kruda glacio,
Kaj superstiĉo senluma...
Venu libera radio
Kaj tago de l' savo la suna!

*trad.: A. Stankiewicz*

Prof. O. Bujwid.

# La jubilea festvespero

## de Krakova Societo „Esperanto“ kaj tutpollanda*) konferenco.

Krakova Societo „Esperanto“ festis la 30 | X k. j. sian 20-jaran jubileon, Antaŭ 20 jaroj kelkaj krakovanoj: s-roj Kostecki, Dir. de la industria lernejo, D-ro Szudmak, kuracisto, s-ro Kaszycki, Dir. de la urba lernejo kaj kelkaj aliaj komencis esperantan laboron, kiu laŭ la tiutempaj opinioj estis kvazaŭ frenezo. Sed, kiel diris en sia prihistoria parolado s-ro Dir. Kostecki **), oni iom post iom alkutimiĝis al la saĝaj kaj pacemaj frenezuloj. Post la oka kongreso en Kraków oni eĉ konstatis, ke per Esperanto Kraków fariĝis konata kiel bela, glora, historia pola urbo kun mirinda reĝa kastelo Wawel kaj multaj vidindaĵoj. Pli ol 20.000 esp. poŝtkartoj dum unu semajno flugis el pola Kraków en la mondon. Hodiaŭ oni ja tute klare observas la disvolviĝon kaj disvastigadon de la lingvo inter ĉiuj popoloj de la terglobo.

La festvesperon agrabligis kanto de s-ino Dziewińska kaj Abels, teatraj artistoj, bela muziko de s-ro Neuger Felix kaj bonega deklamo de 16-jara esperantistino f-ino E. Srebrna.

Antaŭparoladis s-ro O. Bujwid kaj s-ro D-ro Kostecki. S-ro Wojewodo L. Darowski, Generalo Wróblewski, Policestro Styczeń kaj aliaj Krakovaj estroj kaj eminentuloj ĉeestis la feston. Kunvenis krom Krakovaj samideanoj ankaŭ 110 delegitoj kaj ĉeestantoj, apartenantaj al la pollanda samideanaro. Ĉiuj partoprenis konferencon en la sekvinta tago, kiu celis starigi tutpollandan organizon antaŭ la Kongreso en Gdańsk.

S-ro Rosenstock, krakova advokato, priparolis la statutojn, kiuj estis pridiskutataj kaj, post malgrandaj korektoj, alprenitaj kiel provizora programo por la agado de la pollanda samideanaro.

La projekton ricevos ĉiuj societoj en Pollando per la „Pola Esperantisto“ por plua pridiskuto. Oni elektis provizoran ekzekutivan komitaton: 4 personoj el Kraków, po 2 el Lwów kaj Katowice, rezervante bezonajn lokojn por Warszawa. Oni ankaŭ fiksis kotizon: 5 gr. de ĉiu ano de la aliĝintaj societoj monate.

---

*) Pola Esp. - Asocio, Laboro kaj Pola Studenta Esp. Societo deklaris, ke ili en tiu konferenco ne partoprenos.

**) Unu, kiu restis vivanta—la aliaj foriris.

Ĉeestis en la konferenco sekvantaj delegitoj el diversaj pollandaj societoj: Białystok: J. Szapiro; Będzin: M. Rosen; Bielsko: Dr. A. Synek kaj R. Kappa: Borysław: Rauch; Bydgoszcz: A. Pankratz; Cieczyn: L. Krysta; Dąbrowa: J. Izraelowicz; Giszowice: J. Kaleta; Katowice: Jan Tichawski, M. Paruch; Kraków: Prof. O. Bujwid, Dr. L. Dreher, B. Kuhl, R. Weinberg; Król. Huta: B. Gerlich. E. Kołodziej; Lwów: H. Wierzchowski, H. Schnützer; Łódż: I. Lejzerowicz; Radom: J. Dolecki; Rozdzień: T, Niedźwiedź; Stryj: A. Hoszowski; Sosnowiec: H. Czechowska, B. Czechowski, W. Wroński, S. Sidowski. S. Gałka; Szopienice: A. Urbańczyk; Tustanowice: J. Trunkwalter; Warszawa: Dr. Róbin.

Entute la nombro de delegitoj estis 38 el 38 reprezentitaj urboj kaj 21 reprezentitaj grupoj. Nombro de la aliĝintoj estis 110, en kiu nombro 30 krakovanoj kaj 80 ekster Kraków. La urboj, kiuj senkulpiĝis aŭ gratulis estis 10: Bobowa, Czortków. Kalin, Lublin, Łomża, Orla, Poznań, Ruda, Wieluń, Żychlin. Eksterlandaj lokoj kunlaboris 3: Teŝin, Fridek kaj Privoz. Gratulis letere kaj telegrame: Kongreso de polaj popolinstruistoj-Warszawa, Rektoro de la Jagellona Universitato Marchlewski—Kraków, urbestro Rolle—Kraków. urbestro de Białystok, germana Esp.-Asocio—Berlin. „Heroldo de Esp." — Köln. „Express Kaliski"—Kalisz, „Pola Esperantisto"—Warszawa, Friedman — Bratislava kaj aliaj.

Por la esp. ekspozicio oni ricevis multajn objektojn el Aŭstrujo, Belgujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Germanujo, Norvegujo, Francujo, Italujo, Britujo kaj multajn enlandajn.

La festo kaj konferenco okazis en la Krakova Industria Muzeo dank' al la afabla kaj oferema gastameco de s-ro Dir. Eug.Tor, fervora esperantisto kaj fama organizinto de la dirita muzeo, unu el belegaj vidindaĵoj de Kraków. Al s-ro Direktoro ni esprimas koran dankon.

Ni dankas al la malavara donaco de la krakova komerca Ĉambro de la sumo 150 zł. kaj morala subteno de la Direktoro s-ro L. Beres.

Koran dankon al la artistoj kaj artistinoj por la vere bonega plenumo de la artista parto.

La ekzamena komisiono, konsistanta el s-roj Kuhl, Kostecki, Róbin, Dreher kaj Bujwid ekzamenis 13 kandidatojn, el kiuj 5 sukcesis kaj ricevis diplomojn.

Dum la konferenco D-ro Róbin el Warszawa prelegis pri medicino kaj Esperanto. Prelego bonege sukcesis. Aŭskultis pli ol 200 kuracistoj kaj medicinstudentoj.

Dr. Anton Czubryński.

# Necesega libro.

En jaro 1912 dum VIII kongreso mi eldonis praprakoste libreton malkaran „Esperanto i esperantyzm", en kiu mi kolektis ĉion, kion devas scii pri esperantismo tiama inteligenta leganto pola. Libreto efektive havis grandan influon. Multe da personoj, ne esperantistoj volantaj ion ekscii pri esperantismo, kaj ne povantaj legi esperante komencis sian esperantiĝon de tralegado de tiu-ĉi verketo. Tial mi ĝin verkis pole. El personaj interparoloj kun diversaj samideanoj, kiujn mi poste ekkonis, mi eksciis, ke oni ĝin ĉie legas, aranĝas au ĝi publikajn prelegojn, kopias ĝian enhavon en propagandoj artikoloj.

Nune ĝi elĉerpiĝis komplete ĝis unu ekzemplero, kaj estas plu aĉetebla nek en librejoj nek ĉe mi. Se ĝi eĉ ne elĉerpiĝus, ĝi estus jam malnoviĝinta, ĉar esp. movado pligrandiĝis kaj diversaj opinioj ŝanĝiĝis, kvankam miaj profetajoj je ĝia fino realiĝis mirinde („egalrajteco de naciaj kulturoj" (paĝo 115) kaj iniciativo de Wilson en 1918—19, disfalo de Turkujo en Europo, de Hungarujo).

Nune ni estas sen ia propaganda rimedo. Restas artikoloj, kiujn oni hodiaŭ tralegas en ĵurnalo, kies afabla redakcio volis ĝin presi, kaj morgaŭ forĵetas kaj forgesas pri ĝi. Cetere artikolo povos doni nur la ekstrakton. Se iu volus informiĝi detale kaj funde, li havas nenian fundamentan libron. Tio haltigas nian propran agadon.

Propaganda libreto en kuranta momento ne devas esti detala monografio, ĉar ĝi ne estus de ĉiuj tralegata kaj estus neaktuala. Por propagando ni devas havi minimuman, sed plej, necesan kolekton da informoj pri esperantismo kaj nenion plu. Por specialaj monografioj ni havos tempon en venonta epoko. Sufiĉas momente, se ni kolektos por ĝi materialon kaj zorgeme ĝin enarkivigos.

Mi ne povas eldoni tian libreton proprakoste, kvankam mi ĝin havas jam preton. Tial mi turnas min al Vi polaj kaj pollandaj samideanoj kun peto elserĉi al mi la eldoniston, aŭ la personon, kiu volus elspezi por tiu-ĉi celo la monon. Se li estus esperantisto kaj volus fari oferon por esperantismo mi estas preta nenion preni por rajto de eldono. Ĝi nur aperu! Tutan gajnon li povas preni al si, aŭ disponi kun ĝi laŭvole.

Se oni ne trovus nek eldoniston, nek privatan personon, oni eble povus ĝin eldoni per komunaj elspezoj de tuta esperantistaro. Tiam la gajno estos disdonota laŭprocente.

La tempo urĝas, Ni ne scias, kion kaŝas en sia sino la estonteco, Se pola registaro elpaŝos kun iniciativo pri konven-

cio interŝtata, pri kio mi revas jam de 1921 jaro, tiam povas okazi, ke oni rapide devus informi publikan opinion. ĉiu redakcio devas ĝin havi en sia tuja biblioteko.

Tiam povas okazi, ke ni ne estos preparitaj. Tial mi vin samideanoj alvokas kaj avertas. Kiu el vi helpos al mi en tiu ĉi afero?

Afablaj respondoj bonvolu alsendi al Redakcio de „Pola Esperantisto" „por Dr. Antoni Czubryński".




Pola Esperantista Klubo en Jersey City.

## Pola Esperantista Klubo en Jersey City.

(Klub Polsko Esperancki).

La 1-an de majo 1920 jaro oni organizis Polan Esperantistan Klubon tie ĉi. La Klubo laboras tre vigle. Oni aranĝas kursojn de Esperanto, amuzajn vesperojn, ludojn ktp.

Kunveno, aranĝita de la klubo en la pasinta jaro venigis 450 personojn. Prelegis del. de UEA S-ro J. J. Susmuth. La supre aldonita fotografaĵo montras la plej agemajn membrojn de la klubo.

Krome la Klubo starigis lernejojn por infanoj kaj por plenaĝuloj.

Ni vidas, ke niaj samlandanoj en Ameriko ne forgesis pri la bela ideo de la lingvo internacia kaj pligrandiĝas vicojn de aktivaj samideanoj.

# KIEL MI FARIĜIS ESPERANTISTO

(Dediĉita al S-ano Bron. Kuhl)

Mi estis en la dua klaso gimnazia kaj. memkompreneble, ne sciis, ke en la vasta mondo, kaj eĉ en nia Kraków mem, estas grupoj de homoj, kiuj jam tiutempe (en 1908) propagandis lingvon internacian. Sed jam tiam en mia infana menso apenaŭ povis trovi lokon la problemo, ke ja ekzistas tiom da lingvoj: hejme mia patrino ofte interparolis kun gastoj france (precipe, kiam ŝi volis, ke ni, infanoj, ne komprenu...), en la gimnazio ni lernis germane, ankaŭ same intense la latinan lingvon. Kaj, kvankam la lingvoj ne estis por mi malfacila lernaĵo — kontraŭe, mi tre ŝatis ilin — mi ofte devis pensi: ĉu do ne sufiĉus, ke ni lernu sole la latinan? Mi estis tiutempe, certe ja senkonscie, ano de latina lingvo kiel „internacia". La kaŭzon donis al mi nia bonega profesoro Podobiński. fervora latinisto, kiu jam en la dua klaso gimnazia parolis kun kelkaj el ni, klasanoj, dum la tuta horo nur — latine. La demandojn li donadis al ni latine kaj ni kelkaj streĉadis niajn mensojn por respondi korekte en tiu lingvo,.. Unuvorte, mi estis vere tre influata de prof. Podobiński, kiu eĉ en la jarfino donis al mi numeron de monata gazeto „Civis Romanus", kiun mi ĝis nun gardas, kiel ĉiujn aliajn periodaĵojn. Ki ĝojis trovi en ĝi i. a. tradukaĵon de prof. P. el pola lingvo kun la titolo: „Novacula in cotem incidit", una ex fabulis popularibus de diabolo,' quae a Polonis et Lithuanis vulgo narrantur, de Siemienski & Balinski.

Mi perfidis la latinan tuj post konatiĝo kun — Esperanto.

Estis en 1910, kiam mia frato „studis" ĝin en la Komerca Akademio. Lin ja la afero ne tre interesis, ĝi estis ja nur — lernaĵo kiel aliaj lernaĵoj... Sed propagandon li faris iom grandan en nia hejmo almenaŭ komence, tion mi memoras. Mi memoras ankoraŭ, ke li revenadis hejmen kaj rakontadis, keposttagmeze ili lernos iun lingvon tre strangan, ĉar ekstreme facilan, kun iaj sengramatikaj gramatikaj reguloj... La instruisto estas bonulo barbhava, kun ardo li prelegas. Li montris al ni la lernolibron, ruĝan, kelkpaĝan libreton. Mi ne havis ĝin en mia mano, ĉar la frato ne volis doni ĝin al mi same kiel li ne volis doni al mi ion ajn kio estis lia propraĵo. Li certe timis, ke mi, malpliaĝa, disŝiros ĝin... Tion mi treege bedaŭris nur post la fino de la lerna jaro.

Mi estis „senlaborulo"—ferie... Mi subite eksopiregis vidi la libreton en la ruĝa kovrilo. Mi ekserĉis ĝin ĉie en la loĝejo, sed vane. Mi demandis mian fraton mem, kie ĝi estas. Li ne plu interesiĝis pri ĝi, same kiel pri ĉiuj aliaj lernolibroj kaj lasis min serĉi laŭ plaĉe en la tuta loĝejo. Fine mi trovis ĝin ie kuŝantan. Tuj mi eklernis.

Mia fratino mem devis helpi min kaj partopreni en mia — ĝiojego enkapigi kun ludeca facilego la „vortojn“: reĝo—król, floro — kwiat, monto—góra, domo—dom, lingvo — język... Ho, kia plezuro, kia volupto tio estis! Ĉiutage mi glutis kiel superban dolĉaĵaron unu el la naŭ lecionoj enhavataj en „Rybczyński“. Mi bedaŭris ja, ke estas nur naŭ. Estis vera ĝojtempo!..

Mi vin dankas, samideano Kuhl, ĉar estis vi, la „bonulo barbhava“, kiu pere de mia kara frato, sed iom tro praktika por alpreni Esperanton, transverŝis en min Vian ideanan entuziasmon kaj donacis al mi ferion neniam forgesotan...

*Leo Turno*

# Pollanda kroniko

**Warszawa.**

En nia ĉefurbo komencis aperadi bulteno „Esperanto-Press“, kiu enhavas artikolojn pri la pola interna vivo, socio, litereturo ktp. La unua n-ro enhavas „Leteron el Polujo“ kaj artikolon pri la fama muzikisto Chopin. La redaktoroj estas prof. L. Kronenberg kaj s-ro St. Essigman.

Aperis 2-a n-ro de „Polesper“ enhavanta raporton pri la okazinta en Kraków Pollanda Konferenco de Esperanto.

**Lublin.**

Pola Esperanto-Asocio grupo en Lublin aranĝis la 17-X k. j. en la salono de Kinematografo „Uciecha“ tri publikajn priesperantajn prelegojn. Paroladis s-roj: D-ro Jan Mędrkiewicz, juĝisto Stefan Lelek kaj s-ro Seweryn Przybyszewski. Malfermita ĉe la Societo „Sekcio de Mezlernanta Junularo“ bone prosperas, kunvenoj okazas ĉiumerkrede. Esp. kurso baldaŭ malfermota.

**Kraków.**

Okazis ĉi-tie Pollanda Konferenco de Esperanto (vidu artikolon de prof. Bujwid).

Laŭ propra iniciato kvar pola skoltoj entreprenis en majo de k. j. vojaĝon aŭtomobilan tra la tuta tera globo. Posedante aŭtomobilon „Ford“ kaj skoltan kampan tendon ili vojaĝos nun tra Ĉeĥoslovakujo Aŭstrujo, Italujo ktp. dum kelkaj jaroj, vivtenante sin per dumvoja laboroj, filmado, korespondado al la gazetoj ktp.

Nia est. s-ro prof. Odo Bujwid kaptis la okazon de ilia estado en Kraków kaj esperantigis la ekspedicianojn, instruante al ili Esperanton en ses sinsekvaj tagoj laŭ la lernolibro de Leo Turno. Ĝin ili plue studos dum la vojaĝado, ĉar ili intencas uzi Esperanton en siaj dumvojaj prelegoj pri Polujo kaj pri siaj vojaĝimpresoj. Ankaŭ en E. ili intencas fari la filmosurskribojn, ĉar la samaj filmoj estas prezentataj en multaj landoj.





**Żółkiew.**

Dank' al la klopodoj de lvova societo „Esperanto“, kaj ĉi tiea delegito de U.E.A. S-ro E. Hay arangis la 3 | 10 k. j. en la salo de pola gimnastika societo „Sokół“, la konata multmeritita propagandisto kaj sekretario de lvova societo S-ro Henriko Schnätzer, tre interesan prolegon pri nia afero.

La salo estis plenigita je aŭtoritatuloj de la urbo kaj klera publiko, kiu ne ŝparis aplaŭdojn al la preleginto,

Antaŭparolis delegito de U.E.A. s-ro E. Hay, kiu prezentante al la publiko la prelegaton, salutis lin en la nomo de U.E.A. kaj esprimis dankemon al la iniciatoro de la revivigo de la movado en Polujo t. e. s-ro D-ro E. Privat kaj lokaj aŭtoritatuloj por la morala apogo kaj helpemo en la arango de la suprecitita prelego.

La plantita per s-ro Schnätzer arbeto de Esperanto en la antikva kaj historie konata urbo Żółkiew, kie vivis kaj rezidis la potenca pola rego Jan Sobieski — alportos certe la plej bonajn fruktojn.

En tiu sama tago ven's ĉi tien per la lvova societo Esperanto arangita ekskurso de giaj anoj kaj simpatiuloj, por viziti ĉi tieajn antikvaj konstruajojn kaj vidindajojn. La ekskurso de la verdsteluloj, gvidata de la delegito E. Hay ekvekis grandan impreson. La ekskursanoj fotografigis kelkfoje kun lokaj aŭtoritatuloj.

Nia belsona lingvo ekvekis miregon. La polaj gazetoj „Gazeta Poranna“ kaj „Kurjer Lwowski“ antaŭsciigis la polan publikon pri la ekskurso de Esperantistoj kaj prelego.

Żółkiew, en Oktobro 1926.

*E. Hay.*

# Ze świata esperanckiego.

**Esperanto w szkołach.**

Francuska Izba Handlowa w Londynie jednogłośnie przyjęła rezolucję p. Boucher w sprawie nauczania Esperanta na francuskich liceach w Londynie.

**Esperanto międzynarodową reklamą.**

Komitet międzynarodowej wystawy rzecznej nawigacji oraz użytku energji hydraulicznej, urządzonej w Bazylei w d. 31 Sierpnia 1926 r. wydał w Esperanckim języku piękny prospekt, ażeby zareklamować tę wystawą na całym świecie.

**Turystyka i Esperanto.**

Z okazji Międzynarodowego Kongresu geologów połączonego z Kongresem Esperantystów w Madrycie, królewski delegat turystyki z ramienia hiszpańskiego rządu przedstawił artystycznie sporządzony przewodnik po Hiszpanji, cały zredagowany w języku Esperanto.

**Poczta i Esperanto w Estonji**

Specjalnym dekretem z dn. 16 Maja Ministerstwo Poczt i Telegrafu uznało Esperanto, jako język wyraźny, do depesz zarówno krajowych, jak i do Rossji.

**W Rosji.**

Z okazji Wszechświatowego Zjazdu Esperanckiego w Leningradzie, Zarząd pocztowy wydał dwa nowe typy marek pocztowych z tekstem w języku rosyjskim i w Esperanto. Również telegramy z esperanckim tekstem są uznawane.

**W Szwajcarji.**

Zarząd pocztowy w Bernie wydał piękną serję widoków gór szwajcarskich i dróg alpejskich w kilku językach. Każda serja zawiera informacje o Esperanto.

**Handel i Esperanto.**

Dwie Konferencje o używalności Esperanta w handlu dowiodły, jak dalece interesują się tą sprawa koła handlowe. Wszechświatowe jarmarki już dawno posiłkują się tym językiem dla reklamy. Jedno z największych pism, służących sprawom eksportu niemieckiego „Die Überseepost" w Berlinie, ogłasza regularnie artykuły po esperancku.

Tygodniowe wydawnictwo „Berliner Tageblatt" (Rudolf Mosse, Berlin) przeznaczone dla zagranicy, ma specjalną rubryką w Esperanto.

**Esperanto w reklamie.**

Towarzystwo Żeglugi „French Line" w Londynie rozdało artystyczny prospekt w Esperanto.

**Telegraf bez drutu na Dalekim Wschodzie i Esperanto.**

Zainteresowanie stacji zamorskich szczególniej Dalekiego wschodu językiem Esperanto iest coraz większe. Stacja Szanghaj (Chiny) nadała wykład o Esperanto, które ma już licznych zwolenników w tym dalekim kraju.

**Aeronautyka, radio i Esperanto.**

Trzy ważne fakty zaszły w dziejach ludzkości w latach 1884—1887: pierwsza podróż powietrzna dokoła świata, znalezienie fal elektromagnetycznych i utworzenie Esperanta.

Tak więc Renard, Hertz i Zamenhof położyli kamień węgielny pod trzy kolumny, na których utrwali się porozumienie między narodami.

Dzięki nim można zużytkować powietrze, aby się szybko przenieść z miejsca na miejsce — eter, aby móc rozmawiać z oddali, i Esperanto, które pozwala porozumieć się z ludami najodleglejszych krajów.

Aeronautyka, radio i Esperanto — to najważniejsza zdobycz obecnego wieku.

**Ulica Zamenhofa.**

Rada miejska Drezna postanowiła nazwać ulicę na przedmieściu Leuben ulicą Zamenhofa, tak jak to ma miejsce już w Sotteville-lez Rouen, (Francja) Terassa i Sabadell (Hiszpanja), Białystok, Łódź (Polska), Kowno (Litwa).

Redaktoro kaj eldonanto: Stanisław Karolczyk.
Sekretario de la Red.: Mieczysław Trochimowski.

Presejo: Fratoj Wójcikiewicz, Warszawa, Pawia 10.